# ESPERANTO EN AFRIKO



Numero 10
(2009: 2)

Bulteno de la
Afrika Komisiono de UEA


*Karaj gelegantoj,*

*La jaro 2009 sin anoncas denove eventoplena: en Burundo okazos nacia kongreso, seminarion aranĝos ILEI en Kongo, en Benino la ministerio pri edukado ĵus akceptis enkondukon de Esperanto en lernejoj de la okcidenta regiono, pli da afrikanoj deziras partopreni en la ĉi-jara UK, ktp. Tiu ĉi deka numero estas denove kanalo, per kiu vi scios pli pri afrika agado kaj ties komisiono. Agrablan legadon!*

*La redaktantaro*

***

## DEZIRVORTO DE LA AFRIKA KOMISIONO

Gesamideanoj el la tuta mondo,

Eble malrapide, sed certe antaŭen la afrika movado evoluas. Mi estas la kvara kunordiganto de la Afrika Komisiono, de kiam ĝi estas fondita. Tio, miavidpunkte, estas signo de progreso kaj demokratiiĝo. Ĉiu el miaj antaŭuloj faris sian eblon por fortigi la movadon. Restas certe pliaj farendaĵoj, kaj kunlaboro de ĉiuj, kontinentskale kaj naciskale, estas bezonata. Mi deziras, ke la jaro 2009 estu denove eventoriĉa kiel la pasinta jaro. Finance dependa la movado en Afriko daŭre restas, ĉar grava parto de nia membraro estas juna, kaj ofte sen salajrata laboro. Kelkaj tamen havas laboron. Tiujn mi petas, ke ili ekkontribuu, almenaŭ finance, al loka agado. Koncerne niajn mecenatojn ĉefe el Eŭropo, mi esperas, ke la Afrika Komisiono povas denove kalkuli je via kontribuo, ĉu pere de lernomaterialoj, ĉu pere de financa kontribuo al la funkciado de la Afrika Oficejo, per partoprenigado de afrikanoj en UK, ktp.

*Charles Alofa (kunordiganto de la Afrika Komisiono)*

***

# AGADE TRA AFRIKO

## • Benino

### Esperanto konkeras la mondon de analfabetuloj



Nekredeble sed vere! Simile al ruiniganta fajro, Esperanto konkere iras de loko al loko en Benino. Ĝi ŝparas neniun socian kategorion. Ĝi jam eniris profesiajn mediojn kiel Nacia Firmao pri Akvo (SONEB). Ĝi regas lernejojn. Kelkaj privataj lernejoj jam akceptis enkondukon de Esperanto kiel lernofako. Post nelonge estos la vico de publikaj mezlernejoj, sed ĝis nun temas pri klerularo. Surprizplena estas tio kion mi malkovris sabaton, la 21-an de februaro 2009. En la vilaĝo Toviklin, ĉirkaŭ 35 kilometrojn for el Lokossa (la urbo de la Afrika Oficejo), naskiĝis kaj kreskas neordinara E-klubo: Virina Centro Nabouba de Toviklin. Tiu centro celas gastigi virinojn en kompatindaj situacioj. Tiuj kiuj loĝas tie nun, estas plejparte orfinoj kiuj eskapis kontraŭvolajn edzinigojn. Aliaj forkuris el tradiciaj monaĥejoj kie ili estis sekvestritaj. Ili neniam aŭdis lernejan sonorilon. Ili ne komprenas la francan, ne aŭdas la anglan, ne parolas la germanan... Ili komprenas nur la adjan, sian lokan lingvon. Sed ili akceptis min en Esperanto kun salutvortoj kaj kantoj. Iliaj instruistoj, sinjoroj Michel kaj Eugène Tchoumé, estas gratulindaj. Mi imagas kiel malfacile mastrigi akuzativon al tiuj kiuj havis neniun ideon pri literoj kaj alfabeto. Tie la virinoj lernas ankaŭ metiojn kiel hararanĝo, vestkudrado ktp. Ili promesis instrui Esperanton al siaj metilernantinoj kiam ili estos metiinstruistinoj. Mi demetas mian ĉapelon antaŭ sinjoro Félicien Ketodji, la fondinto kaj respondeculo de la centro. Kuraĝon!

*Jérôme Charles Alofa*

## • Angolo

### Kunsido de ANGEA (Angola Esperanto-Asocio)

Sabaton, la 14-an de marto 2009, okazis kunsido de Angola Esperanto-Asocio, kies tagordo jenas:

- fino de la mandato de la estraranoj kaj elekto de nova estraro;
- projekto pri la poemaro de Agostinho Neto, eks-prezidento de Angolo;
- la sidejo de ANGEA.

Sinjoro Ferdinand Kinkani prezidis la kunsidon, malfermante la kunsidon kun salutvortoj antaŭ ol prezenti la tagordon.

Pri la unua punkto: La 23-an de junio 2007 okazis en la advokatejo de sinjoro Faria de Bastos la ĝenerala asembleo de ANGEA, dum kiu estis realigita balotado kun du jaroj de oficperiodo. Nuntempe tiu oficperiodo ĵus finiĝis, tial oni decidis elekti novajn estraranojn de la movado. Intertempe oni decidis instrui Esperanton al homoj, por ke estu pliaj esperantistoj por la movado.

Pri la dua punkto: Oni diskutis pri la kondiĉoj por aligi la landan asocion al UEA:
– havi 25 membrojn aŭ pli;
– skribi leteron al UEA, kiu konfirmas, ke la movado akceptas respekti la UEA-statuton;
– fari mallongan priskribon pri la movadaj agadoj;
– sendi al UEA la esperantlingvan statuton de la movado;
– sendi la nomaron de ĝiaj aktualaj estraranoj;
– sendi liston de la membroj.

ANGEA devas plenumi tiujn ĉi kondiĉojn antaŭ la UK 2009 de Bjalistoko por ke ĉi-jara aliĝo estu ebla.

Pri la tria punkto: Oni decidis esperantigi la poemaron de la eksa prezidento de la lando, por ke la tradukita versio estu preta antaŭ la komenco de la ĉi-jara UK.

Pri la kvara punkto: La eks-sidejo de ANGEA en Maria Pia ne plu ekzistas. Feliĉe, sinjoro Michel Dialundama donacis terenon al la asocio por konstruigi la definitivan sidejon en Luando. Sed necesas ankoraŭ rimedoj por ke oni sukcesigu tiun projekton. Partoprenis la kunsidon kvar samideanoj; temas pri Ferdinand Kinkani, Serge Makanda, Antonio Sompa-Wa-Sompa, kaj Michel Dialundama).

*Raportis Michel Dialundama*

• **Burundo**



**Esperanto-kurso en Rumunge**

Nome de burundaj esperantistoj, mi kaptas tiun ĉi okazon por informi vin, ke pli ol 120 personoj sekvis la kursojn de Johan kaj Svetlana Derks, esperantistoj el Nederlando. La kurso komenciĝis en la 15-a de januaro kaj daŭris ĝis la 30-a de la sama monato en Rumonge. La seminario devus okazi en Goma, sed pro la milito tie la organizintoj kunlabore kun burundanoj decidis okazigi ĝin en Burundo.

La du eŭropaj esperantistoj alvenis en Rumonge la 13-an de januaro 2009. Merkredon, la 14-an, ĉiuj partoprenantoj jam estis informitaj pri la okazonta kunveno por finprepari la organizadon de la kurso, kiun ĉeestis ankaŭ Johan kaj Svetlana. La celo de la kunveno estis unue bonvenigi la du eksterlandanojn en Rumonge, kaj due finorganizi la kursojn, dispartigante la gepartoprenontojn en grupojn. El la 120 gelernantoj kreiĝis du grupoj: A kaj B. Tiuj du grupoj sekvis alterne la kurson. La kursoj de Johano kaj lia edzino jam finiĝis, sed Esperanto-kursoj ankoraŭ daŭras en diversaj lernejoj de Rumonge. La ĉeesto de Johano kaj Svetlana multon kontribuis rilate al la varbado, ĉar post tiu ĉi kurso multaj novaj lernantoj enskribiĝis en diversaj lernejaj kluboj. Ni bonvenigas aliajn esperantistojn tra la mondo veni al Burundo dum la ferioj, por ke ni pliboniĝu en Esperanto. Ni ankaŭ bonvenigas vin partopreni kun ni la duan nacian kongreson en Burundo, kiu okazos de la 10-a ĝis la 16-a de julio ĉi-jare.

Ni dankas al Johano kaj Svetlana, kiuj ege kontribuis al nia movado. Ilia restado en Burundo restu ĉiam enskribita en la historio de la burunda Esperanto-movado.

*Asani Ntahonsigayé (prezidanto de instruseksio de ANEB)*

**Disdono de diplomoj**

La 4-an de marto 2009 okazis disdono de diplomoj al personoj, kiuj sekvis la kurson de Johano, precipe instrukapablontoj. Tiuj ĉi personoj ne ricevis siajn diplomojn post la kurso ĉar la diplomoj ne estis pretaj; Johano promesis ilin sendi de Nederlando kaj tion faris.

Entute 23 instrukapablontoj kaj progresintoj ricevis diplomojn. La ceremonion partoprenis s-roj Jérémie Sabiyumva (ĝenerala sekretario de ANEB) el Bujumbura, Asani Ntahonsigayé el Rumonge, Léopold Mugabo, vicprezidento de ANEB) el Rumonge, kaj Pamphile Bahti, prezidanto de la centra urbo. Ĉi tiuj personoj, antaŭ ol disdoni la diplomojn, donis konsilojn al tiuj freŝbakitaj esperantistoj. Léopold kuraĝigis ilin kaj petis ilin daŭre lerni kaj partopreni en diversaj aranĝoj de Esperanto en la regiono, kaj tiel helpi al la disvastigado de la lingvo. Ankaŭ Jérémie donis al ili similajn konsilojn kaj aldonis ion pri TEJO (petante esperantistojn de Burundo verki artikolojn por *Kontakto* kaj *TEJO Tutmonde*) kaj pri ties kongreso, kiu okazos en julio. Li petis ilin aliĝi multnombre kaj prepariĝi por montri al aliaj siajn talentojn. Li ne forgesis memorigi al ili ke dum la kongreso okazos voĉdonado por la nova estraro de ANEB kaj ĝiaj diversaj sekcioj, kaj ke voĉdonos nur regulaj membroj de ANEB. La junulojn li petis prepariĝi por la voĉdonado por la nova estraro de JEBUO (Junulara Esperantista Burunda Organizo) kaj multnombre kandidatiĝi por ke ili estu elektitaj. Li memorigis al ili ke necesas frue scii multon pri la organizado aŭ gvidado de la asocio, ĉar estas ili, kiuj en la estonteco gvidos la nacian asocion. Asani Ntahonsigayé siaflanke plu petis la partoprenantojn prezentiĝi en la konkurso de UEA. Pamphile (kiu zorgas pri kluboj de Burundo) diris al tiuj novdiplomitaj ke ne sufiĉas gardi diplomojn en ŝrankoj: pli bone estas starigi klubojn kaj ekinstrui, ĉar instruante oni lernas.

S-ro Mugabo disdonis diplomojn kaj poste okazis denove konsiloj kaj kuraĝigoj. Ni esperas ke niaj novaj instruistoj estos fruktodonaj al nia agado.

*Gilbert Niyukuri*

# TRADICIE TRA AFRIKO

- **Burundo**

**La kredo pri la diecaj aferoj en Burundo**

Estas en Burundo kelkaj nomoj, kiuj montras ke burundanoj timas la reagon de la Majstro (Dio); per ili ni konstatas ke burundanoj akceptas, plejofte, ke Dio agas mirinde kaj ne laŭ la homaj voloj: *Sindayiganza* = mi ne regas lin; *Nikoyantutse* = tiel, li insultis min; *Ntiyankundiye* = li malpermesis al mi; *Ntiganzwa* = neniu trudas lin; *Ntiharirizwa* = neniu diskutas kun li.

Tiaj ideoj aperas ankaŭ en diversaj proverboj, interalie: *Imana igira aho imaniye* = Dio helpas pri io. Plie, tra la benoj kaj la malbenoj de diversaj personoj, ni ankaŭ konstatas ke burundanoj konas kaj agnoskas la pontencon de Dio, ĉar kiam oni benas iun, tiel oni bondeziras al li ion bonan el la potenca Estaĵo; aŭ, kiam iu malbenas la alian, li bondeziras ion malbonan pro la reago de la supera Estaĵo.

Jen kelkaj ekzemploj pri tiu ĉi temo:

*Uragahorana imana*! = Ke Dio estu ĉiam kun vi!

*Nyakugira Imana!* = Havu ŝancojn!

*Uragahabwa n'Imana!* = Ke Dio donu al vi multon!

*Uragahezagirwa n'Imana* = Ke Dio benu vin!

*Urakavumwa n'Imana!* = Ke Dio malbenu vin!

*Urakankwa n'Imana* = Ke Dio malamu vin!

*Uragahura na Bushoro!* = Ke vi renkontiĝu kun malbona Dio!

Tiu teksteto ĝuste ilustras al ni kiumaniere geburundanoj povis feliĉigi virinojn, post grava evento kiel nasko de infano. Ĉi-lasta estas la grava signo en la burunda tradicio (la fekundeco). Eĉ se niaj prapatroj certiĝis, ke la infanoj venis el la ĉerpejo de Dio, sendube la senfekundaj virinoj, nome *Ibimaka*, havis seriozajn problemojn ĉar ili estis konsiderataj kiel fantominoj pro la fakto ke ili ne povis naski, kaj tiel ili estis treege timataj de ĉiuj infanoj.

Laŭ la burunda pensmaniero, ĉiuj infanoj estis la donaco de Dio al iu persono. Tiam, la parencoj kunposedas sian infanon kun Dio, ĉar ĉi-lasta kapablas forpreni la infanon iam ajn. Ĉiuj asertis kaj pluasertas, ke nur Dio povas redoni al iu pliajn infanojn kiam al tiu ne eblas fekundi. Verdire, laŭ la pensoj de tradiciaj burundanoj antaŭ la invado de blankuloj, la gepatroj kredis ke Dio loĝas en iu loko, kiu similas al la ĉerpejo kie li elprenis la infanojn por ilin disdoni al homoj. Pri tio, neniu dubas pri la agnosko kaj kono de Dio en la antikva Burundo.

Jen ekzemploj de burundaj proverboj:

En la proverba literaturgenro de Burundio, vidiĝas la vorto *Imana* (Dio) en pluraj kazoj kiel:

- *Agati gateretswe n'Imana ntigahenugwa n'umuyaga* = La arbeto kiun plantis Dio, ne povas esti faligita de la simpla vento.
- *Umwansi agucira icobo Imana ikagucira icanzo* = La malamiko planas al vi la mortigon, kaj Dio al vi preparas la pluvivon.
- *Imana iguha niyo ikwaka* = La sama Dio kiu al vi donas, estas ankaŭ li kiu al vi malprovizas.
- *Imana ifasha uwifashije* = Dio helpas tiun, kiu sinhelpas.
- *Imana iguha ingoro ikuraririje aka ruru* = Dio al vi donas la domegon, gardante al vi la dometon.

*Eric Nsabiyumva*

# EN NIA LETERKESTO

**• el Nederlando**

En januaro 2009 mi faris instruvojaĝon al Burundo[1], interalie pro mia deziro utiligi mian ĵus akiritan diplomitecon kiel Cseh-instruisto. Mia edzino, Svetlana Milanović, akompanis min, sed kvankam ne-diplomita insistis preni propran instru-rolon. Tiun ŝi fervore kaj bonrezulte ludis, instruante al du grupoj de po 40 komencantoj. Tion ŝi faris per rekta metodo, sen lernolibro. Ni estis kunportintaj 27 lernolibrojn *L'espéranto par la méthode directe*, sed ni decidis ne disponigi tiujn al la lernantoj, pro nia sperto ke ĝenerale ili ne scias trakti ilin en gardema maniero. Cetere, 27 lernolibroj estas malfacile distribueblaj en egaleca maniero al 120 lernantoj.

Hasan Ntahonsigayé daŭre asistis Svetlanan kaj min, same por adaptiĝi al la afrikaj cirkonstancoj kiel por administracii la grandan nombron de lernantoj. Tiuj cirkonstancoj estis malfacilaj. Ni trafiĝis en "hoteloj", kiuj laŭ eŭropaj normoj ne meritas tiun nomon: sen elektro, kun intermita malgranda akvoprovizado kaj unuplada menuo. Post transhoteliĝo ni trovis ion akcepteblan, kvankam tie akompanis nin la plentaga babilada bruo de kuirejistoj laborantaj malantaŭ nia fenestro. Ni ne eskapis intestan infektiĝon kaj vomadon, sed feliĉe tio ne malhelpis la instruadon.

Surstrate nigruloj daŭre algapis nin kaj laŭtvoĉis "*mzungu*", t.e. blankulo. Pro tio ni nerviziĝis kaj fojfoje ankaŭ negative reagis al miskomprenoj dum klopodoj aĉeti ion en la bazaro. Sed post unu semajno la surstrata publiko kaj ni alkutimiĝis unu al la aliaj. Tamen la malagrablo de ĉiea polvo, nehigieneco kaj malbonodoro restis. Svetlana, ema je brilpurigo, plurfoje libere konfrontis lernejanojn pri tiuj malaltaj normoj. La letargio de la afrikanoj ŝin iritis, sed kion fari, se purigaj ĥemiaĵoj estas nepageblaj, laborrezultoj estas malfacile konserveblaj kaj la stomako malplena? Ĉar tio fariĝis klara al ni: ekzistas kronika malsato en tiu lando, en foraj provincoj homoj eĉ mortas pro malsato. Ne nur Hasan, sed ankaŭ niaj aliaj "asistantoj", Léopold Mugabo kaj Pamphile Bahatu, ne estis certaj ĉiutage pri pluraj manĝoj, kvankam ambaŭ havas postenon de instruisto.

La "progresantoj" kaj "instrukapablontoj", entute proksimume 40 lernantoj, estis aljuĝitaj al mi. La rezulto de la enir-testo, jam preparita en Nederlando, estis malinstiga, sed mi akceptis ke oni ne povas kompari la eblecon por progresi de lernantoj sen lernolibro kaj en malfavoraj loĝaj cirkonstancoj kun tiu de lernantoj en riĉa okcidenta lando. Dua testo, kondukita post unu semajno, montris banalajn ĝis relative bonajn rezultojn. Mi decidis apartigi la plejmalfortulojn por ricevi, en la dua semajno, privatecan instruadon fare de la plejfortuloj en mia grupo. Tiel mi perdis miajn plej brilajn lernantojn, sed tiuj sendube je la fino estus atingintaj la nivelon de instrukapablulo; nun ili povos montri sian instrukapablecon per instruado al la malplej brilaj. Kaj mi restis kun la meznivela grupo. Subite ni bezonis kvin ekstrajn klasĉambrojn en la "*Lycée Islamique de Rumonge*".

[1] En oktobro 2008 mi singarde informiĝis pri la cirkonstancoj sub kiuj mi povos instrui Esperanton en Rutshuru, Eosta Kongio. Ĉar evidentiĝis ke temas pri privata universitato, Université des Grands Lacs, kaj la vojaĝo al Rutshuru kondukos min tra urbo en Ugando kie mi estis instruisto antaŭ 43 jaroj, mi decidis iri. Du tagojn post pagado de la flugobileto Laurent Nkunda, konga eks-generalo, vastigis sian "regnon" en Eosta Kongio, konkerante Rutshurun. Kompreneble mi malpromesis mian viziton al Rutshuru. Ĉar la biletoj estis ne-redoneblaj, mi serĉis alian, apudan vojaĝocelon. Tiam oni atentigis min pri la granda mendado por E-instruistoj en Burundo.

Pri la metodo *L'espéranto par la méthode directe* mi ne estas tre laŭdema. Por pli ol dekkvinjaraĝaj lernantoj ĝi estas tro infaneca, por progresantoj tro supraĵa kaj nesufiĉe gramatikoza, kaj la bildoj havas nur malgrandan utilon.

Ĉiuj lernantoj – malbrilaj, meznivelaj kaj brilaj – trapasis, laŭ ebleco de siaj cirkonstancoj, la finan teston. Mi faris la korektadon kaj poentmarkadon post reveno al Nederlando kaj fine povis presigi atestilojn por dek ok progresantoj kaj dek instrukapabluloj. Dek aliaj lernintoj ne ricevis atestilon, ĉar ilia frekventado en alia lernejo ne permesis al ili sufiĉan partoprenon.

La fina kaj adiaŭa ceremonio kun disdonado de atestiloj al 80 komencantoj okazis en la 31-a de januaro, kun kuna kantado de "Kanto de la koloroj"[2] kaj "La Espero".

La instruado ne estis la sola laboro kiun ni faris en Rumonge. Kune kun niaj tri helpantoj, estraranoj de ANEB (*Association Nationale d'Espéranto au Burundi*), ni faris ekonomian projekton por starigi renkontiĝan centron de burundaj esperantistoj. Pri tio vi povos legi en Esperantaj revuoj aliloke.

*Johan Derks (derks.esp@tiscali.nl)*

**• Letero el Maŭricio**




Delonge, mi esprimis al vi ĉiuj, ke mi tre amas Esperanton elprofunde de mia koro jam antaŭ la centjariĝo de ĉi tiu neŭtrala-komuna lingvo universala. Tiam mi estis juna, kaj nun mi maljuniĝas. Mi rekonfirmas ke Esperanto estas lingvo-ponto, kiu vivigas miajn utopiajn ambiciojn pri internacia amikeco kaj frateco. Tial, kvankam niaj vivkondiĉoj estas tre malagrablaj, mi restas konvinkata esperantisto. Mi jam informis al vi pri kelkaj suferegoj kiuj frapadis min, sed ankaŭ pri miaj feliĉoj ke mi ankoraŭ povis, povas kaj povos partopreni dumvive en la disvastigado de Esperanto laŭ miaj personaj eblecoj.

Multaj aferoj restas farindaj kaj farendaj: produkti internaci-nivele miajn kantverkojn, kuraĝigi miajn gelernintojn maŭriciajn, kiuj eklernis Esperanton dum mia mallonga restado en la belega insuleto Maŭricio. Mi tiam akceptis volonte reiri tien por la daŭrigado de instruado dum majo 2009.

Amike via
*Bruno Randrianarivelo*

---

[2] Aŭskultebla en *YouTube* (www.youtube.com) pere de la markvortoj "Rumonge" kaj "Svetlana Milanovic".

# LA KURSO *GERDA MALAPERIS* KAJ LA ALIAJ INSTRUILOJ UZATAJ DE LA AFRIKA OFICEJO DE UEA

La Afrika Oficejo de UEA sendas al petantoj la jenajn kursolibrojn:

– unuagrada en la franca: *Cours de langue internationale espéranto*.
– unuagrada en la angla: *The international language Esperanto: A Course*.
– duagrada en la franca: *Gerda malaperis* kun klarigoj en la franca.
– duagrada en la angla: *Gerda malaperis* kun klarigoj en la angla.

Krome la Afrika Oficejo dissendas diskojn kun la prononco de *Gerda* al instruistoj.

Nuntempe sekvas la kurson *Gerda malaperis* proksimume 100 homoj en pluraj afrikaj landoj, ĉefe en la franclingvaj.

Post la kurso *Gerda* la lernantoj devos legi du librojn, unu pri historio de Esperanto en Afriko kaj unu pri instrumetodoj.

Jen la libro pri historio, kiel ĝin prezentas la katalogo de la Libroservo de UEA:

| | Afero de espero |
|---|---|
| Titolo | Konciza historio de la Esperanto-movado en Afriko |
| Aŭtoro | Heidi Goes |
| Kategorio | Movado |
| Prezo | 9.00 €, triona rabato ekde 3 ekz. |
| Eldonloko, jaro | Rotterdam, 2007 |
| Eldoninto | UEA |
| Klarigoj | La unua provo de historio de la E-movado sur la nigra kontinento; kovras la periodon de la komenco ĝis la jaroj 1990. |
| ISBN/ISSN | 978929170969 |
| Formato | 86 paĝoj, 21 cm |
| Karakterizoj | Ilus |
| Recenzoj | Recenzoj mankas. Aldonu |

Heidi Goes
AFERO DE ESPERO
Konciza historio de la Esperanto-movado en Afriko
UEA

************************************************

Viajn komentojn, konsilojn, sugestojn kaj raportojn pri okazintaĵoj en via urbo aŭ lando bonvolu sendi al la redakteja adreso: afrika.oficejo@gmail.com aŭ aerpoŝte al:

**Afrika Oficejo, BP. 416 Lokossa-Mono, Benin**
**tel./fakso: +229 224 10 229**

************************************************